FEDERACION ESPERANTISTA ESPAÑOLA H E F

Año III (N.° 32-33)

# BOLETIN

DE LA FEDERACION ESPERANTISTA ESPAÑOLA

Núms. 8-9

AGOSTO SEPTIEMBRE 1951

RUZAFA, 7 VALENCIA (ESPAÑA)

# LA VERDA STANDARDO ALTE FLIRTIS EN TARRASA!

## Y EL MILAGRO SE HIZO...

**Se hizo y superó todas las esperanzas. Los que acudimos a Tarrasa, con el corazón sobrecogido por la magnitud de la empresa y la significación que habría de tener, para el futuro del esperantismo español, este primer Congreso de la postguerra, vimos colmados con exceso todos nuestros anhelos. En un cuadro de inapreciable cordialidad e hidalga cortesía, por parte de autoridades y población entera, además del decidido entusiasmo y acertada organización de los esperantistas locales, se congregaron en la industriosa y progresiva Egara unos centenares de esperantistas de toda España y un buen puñado de samideanos extranjeros.**

**Durante unos días, que a todos nos parecieron cortísimos, la gran familia esperantista convivió en el grato ambiente de una misma emoción. Y por medio del idioma de Zamenhof, como único vehículo de cordial expresión, se llevaron a cabo numerosos actos que, desde la solemne recepción en el Ayuntamiento, hasta la inolvidable excursión a Montserrat, pasando por el banquete de gala en el suntuoso Gran Casino, y las graciosas fiestas de coros y danzas, llenas de arte y colorido, fueron una sucesión de éxitos, que entusiasmaron a los amigos e impresionaron vivamente a los extraños, que no pudieron jamás imaginar que el esperantismo fuese un movimiento tan serio, capacitado, maduro y eficiente, ni que el idioma internacional fuese al mismo tiempo tan útil al Rdo. P. Casanovas para difundir la divina doctrina entre los centenares de fieles que asistieron a la Misa en la iglesia románica de Santa María, o que, pocas horas después, sirviese para mantener, durante la sesión de trabajo, una más que viva discusión... Lo mismo se comprendía, pues, el Esperanto del simpático danés, Sr. Hansen, que el de la atractiva holandesa, Srta Vermaas, o del francés Sr. Lubik, que repetidamente dirigieron la palabra, como el del inspirado poeta catalán que recitó magníficas traducciones de las más preciadas joyas poéticas de la literatura castellana. Y en Esperanto se interpretaron también, por la Sociedad Coral, «Juventud Tarrasense» diversas obras que demostraron cumplidamente que el Esperanto, además de servir a la inspiración de los poetas, iguala al italiano, en dulce sonoridad, para todas las manifestaciones líricas.**

**Grandes fueron los resultados de nuestro Congreso: En primer lugar nos conocimos, y si sobre el papel ya nos apreciábamos fraternalmente, ahora, que nos hemos visto y nos hemos estrechado las manos, el afecto y el cariño es más profundo. Se han disipado temores, recelos y desconfianzas. Nos hemos mostrado en publico y hemos demostrado que los esperantistas solo son... esperantistas, es decir: partidarios de la generosa idea de que todos y cada uno de los hombres del mundo sepan su propio idioma y, además, el Esperanto como elemento auxiliar para poderse tratar de una nación a otra nación, de un pueblo a otro pueblo.**

**En este aspecto, el triunfo inicial de nuestro Congreso ha sido total; tanto para reforzar los vínculos de nuestra organización interna, como para ganar prestigio ante las autoridades y opinión pública. Precisamente este era nuestro deseo más ferviente, y este deseo se ha cumplido. Así pues, desde hoy, animosos como siempre y más esperanzados que nunca, con exacta noción de la calidad de nuestro temple, seguros ya de la confianza de todos, seguiremos la trayectoria que se inició, con recio impulso, en las memorables jornadas de Tarrasa.**

SPECIALA KONGRESA NUMERO



## KUN FIRMA VOLO KAJ VIGLA ENTUZIASMO POMPIS KAJ OKAZIS LA

# 12ª HISPANA KONGRESO DE ESPERANTO

**Brila sukceso kaj perfekta ordo en tiu imponâ manifestacio de la hispana esperantismo. La nomo de la urbo Tarrasa signas deirpunkton al nova etapo tre fruktodona por nia idealo. 258 gesamideanoj, el inter 307 aliĝintoj, lerte pruvis, ke amuzo kaj diŝtro bone harmonias kun laboro kaj studo. Valencio, nia federacia centro, venontjara kongresurbo**

La 12ª Hispana Kongreso jam apartenas al la historio! La revata deziro de la hispanaj esperantistoj sin elmontri publike, post longa dek-kvinjara paŭzo, ĵus efektiviĝis laŭ maniero tiel brila kaj bela, ke oni rajtas supozi ĉu la deviga paŭzo ne taŭgis almenaŭ por akiri spertojn kaj instruojn. Ĉio glate funkciis, ĉio kontentige aspektis, ĉiuj aranĝoj perfekte disvolviĝis, ĉiuj punktoj de la programo akurate sinsekvis kaj ĉiuj gekongresanoj, senescepte, ĝojis kaj amuziĝis, babilis aŭ konversaciis —kiel ankoraŭ ne tiel multe ĝis nun!— en la kara lingvo internacia, kiu montris sian vivantecon ĉe la oreloj de miloj kaj miloj da neesperantistoj el Barcelono kaj Tarrasa, kiuj, en aktiva rilato kun nia granda festo, aŭ en scivola atento al ĝia parado, afable nin salutis, gastame nin akceptis kaj oportune nin helpis. La helaj reflektoj de nia landa Kongreso forigis la fantomojn de malicoj kaj suspektoj, dum la rekta alparolo de unu al alia, pri komunaj aferoj, en komuna medio, ankaŭ forviŝis en nia propra tendo makulojn kaj ombrojn de dubo aŭ ŝanceliĝemo. Eĉ sen la brilo kaj la lukso de la eksteraj formoj, estus ja plena sukceso la fakto, ke granda nombro da hispanaj esperantistoj povis reciproke interkonatiĝi pli intime kaj pli konvene, por la ĝenerala bono, pro la ĵus okazinta solenaĵo, kiu cetere utilis kiel areno por fluaj kaj varmaj —eĉ pasiaj!— debatoj en la laborkunsidoj. Jes, ekster la enhavo de interesaj temoj, treege interesa flanko estis la alta nivelo de la lingva kapablo de plej modestaj membroj de la Federacio, ĉar nia unua postmilita kunveno ne celis esti vanta diletanta scenejo por oratori elektita teamo da eminentuloj, sed libera podio por ĉiuj, kiuj uzas kaj praktikas Esperanton tra la geografia amplekso de la tuta lando. Pro tio, kiam elstaraj aŭ konataj samideanoj parolis antaŭ la amaso el vasta aŭdantaro, tiu amaso ankaŭ sciis respondi, por diri sian opinion aŭ esprimi sian animstaton, per tute korektaj frazoj kaj ne malpli belaj parolturnoj ol tiuj mem de plej kompetentaj veteranoj. La danaj, nederlandaj, belgaj kaj francaj gastoj, kiuj kunvivis en la sana atmosfero de nia Kongreso kaj rimarkis ĉi tiun gravan detalon kaj montris sian admiron al la flamiĝema karaktero de la hispana popolo al kiu, kompreneble, apartenas la hispanaj esperantistoj, garnitaj per la apartaj ecoj kaj noblaj kvalitoj de ĉiuj hispanaj regionoj. La sobra kaj laborema Katalunio estis nunjare teritorio elektita por la unua elmontro; kaj ĝi pruvis, per la konkreta elokventeco de la faktoj, ke la decido estis trafa! Tarrasa, dum kelktaga daŭro, fariĝis centro de la tutlanda Esperanto-movado; kaj, sekve, dank' al la klopodoj de la diligenta Organiza Komitato, kiu laboris senhalte sub la honora patronado de la urbaj aŭtoritatoj kaj la ĉarma simpatio de la tuta loĝantaro, okazis la rendevuo por vive zamenhofi kaj ŝvarmi tra stratoj kaj placoj, ornamitaj kun arkoj kaj belaj girlandoj, en skerco de eksplodanta gojo: Verdaj standardoj, ĉe fenestroj kaj balkonoj, flirtis blovataj de aero saturita de ondoj kun propagandaj tekstoj el barcelonaj kaj lokaj kaj eĉ madridaj radiostacioj. Edifaj vortoj admonis pri konkordo kaj paco, en la esperantlingva prediko, dimanĉon matene, en la ŝtona juvelo de la romanika preĝejo. Arto kaj pompo alte



rangis dum la folklora prezentado de katalunaj dancoj kaj popolkantoj; kaj... unuan fojon, post dekkvino da jaroj, la solenaj strofoj de «La Espero» laŭte eliĝis el centoj da gorĝoj, en luksaj salonegoj de la belega urbodomo aŭ de la Granda Kazino... Kaj tre malfrue, en la serena silento de la nokto, kiam la korpoj ripozis en litoj, dise tra la urbo, aŭ sur matracoj en proksima tendaro, jen... strange agrabla zumado ŝvebis super la domoj, por luli la dormon de la kongresanoj. Kio ĝi estis? ho, ne alio ol la daŭra produktiva susurado de teksmaŝinoj, ankoraŭ senhalte laborantaj, kiel viva simbolo de la spirito de Tarrasa, la industria kataluna urbo, kiu nin akceptis kun amo kaj fido, sub la pura devizo de Laboro, Kulturo kaj Progreso. Nu; fino bona, ĉio bona! sed fino ĉiam havas skorton de amara melankolio...

Finiĝis la 12ª Kongreso en Tarrasa! Vivu do jam la 13ª en la gaja kaj floranta Valencio!

◆ ■ ◆

Adekvata prologo estis la Kuracista Kunveno, vendrede, la 27an de Julio posttagmeze, en Barcelono, ĉe la Akademio de Medicinaj Sciencoj. D-ro R. Herrero, sekretario de K. E. A. malfermis la kunsidon kaj prezentis salutojn de D-ro Kempeneers, el Bruselo, kaj D-ro Canuto el Parma.

D-ro Torres Carreras, radiologo el Barcelono, prezentis raporton pri «Kuracado de lokaj infektaj malsanoj per Radioterapio kaj antibiotikoj, kunigitaj». En tiu raporto kunlaboris D-ro Guix, ankaŭ el Barcelono. D-ro D. Llorens, el Valencio, prezidanto de la Federacio, klarigis interesan temon pri «Nediagnozeblaj malsanoj ĉe infanoj». D-ro Poveda, ankaŭ el Valencio, prezentis kuriozan raporton pri «Orienta Butono», kaj D-ro Herrero pri «Kininaj saloj en dermatologia Terapeŭtiko». Pro manko de tempo, oni ne povis legi ceterajn raportojn. Multaj hispanaj kaj eksterlandaj kuracistoj sendis salutojn, bedaŭrante ne povi persone partopreni. La raportoj estis pridiskutataj de la ĉeestantoj, inter kiuj troviĝis la konata pioniro D-ro Bremon, el Barcelono. Ĉe la fino, la sekretario faris resumon de la laboro kaj emfazis la utilon de Esperanto por la medicinaj rilatoj. Ĉiu konsentis pri la neceso de faka revuo en Esperanto. Inter la multnombra neesperantista publiko troviĝis multaj kolegoj el Barcelono, kiuj povis konstati la flekseblecon kaj taŭgecon de nia lingvo por sciencaj temoj.

Vespere, en la sama tago, okazis la Interkona Kunveno ĉe Kooperativo de Teksistoj, kie granda salono, ornamita per diverslandaj flagetoj, estis preskaŭ ne sufiĉa por elteni la gekongresanojn, kiuj troviĝis jam en Barcelono; salutoj kaj manpremoj, babiloj kaj aludoj pri malnovaj tagoj aŭ rememoroj daŭris en senfina vico, ĝis la momento, kiam S-ro Delfi Dalmau, Pujula Valles, Herrero kaj aliaj salutis la ĉeestantojn. Ankaŭ eldiris salutvortojn kelkaj eksterlandaj gesamideanoj, inter ili: Holger Hansen (dano), P. Lubik (franco) kaj Marianne H. Vermaas (nederlandanino) ĉi tiu lasta je nomo de Universala Ligo. Post tio, ankoraŭ pludaŭris la amikaj babiloj, ĉirkaŭ bone provizitaj tabloj, ĝis malfrua horo; kvankam certe neniu forgesis, ke sekvantan matenon nepre ĉiu devas sin prezenti ĉe la Akceptejo, en Tarrasa mem. Sed esperantisto, dum kongreso, estas ŝirmata kontraŭ ĉiuspeca formo de laciĝo. Jam frue en la mateno, la salonego de la Akceptejo ŝajnis abelujo; la deĵorantaj komitatanoj ne havis sufiĉe da manoj por doni la kongresmaterialon aŭ por prizorgi la alfluon de novalvenintoj, ĉiuj kun petoj, ĉiuj kun demandoj, pri loĝado, manĝado, trinkado, k. t. p. Formiĝis grandaj grupoj, kiuj pozis antaŭ la aparatoj de fotografistoj... en gaja kresĉendo de babiloj.

Tamen, la tempo flugas, oni devas kuniĝi por la surstrata manifestacio, sinjoro Chaler klakas per la manoj, ĉar jam horo. Malantaŭ la gloraj standardoj de diversaj hispanaj grupoj, densiĝas la vicoj en granda taĉmento, kiu decideme ekmarŝas tra la ĉefaj stratoj, ĝis la Urbodomo, en kies ĉefa salono —ĉarma salono— okazas la Oficiala Akcepto; la vicurbestro bonvenigas kaj salutas ĉiujn, je nomo de la urbo, dezirante agrablan restadon kaj fruktodonajn laborojn. S-ro Llorens, je nomo de la Federacio, ĝentile respondas kaj dankas la oficialajn komplimentojn, kiuj estas bone diritaj; la kongresamaso aplaŭdas kaj fermas la solenaĵon per spontana kantado de



«La Espero». Neniu malnovulo forgesis la ŝatatajn strofojn! sed plej mirinde, ke ĉiuj novuloj ankaŭ tre agorde kunkantas... Jen refoje surstrate, en longa vico, al la ejo de «Radio-Tarrasa» por inaŭguri la ekspozicion de Esperanto-materialo, kiu en lerta kaj arta distribuo atestas, per si mem, pri la fakta tutmondeco de nia movado. Ege valora estis la kolekto da malnovaj broŝuroj, apud kiuj fanfaronetis modernaj reklamiloj; centoj kaj miloj da poŝkartoj aŭ kovertoj estas tento por la filatelistoj; en honora loko pendas la arĝentaj tabuletoj, kiuj atendas la nomojn de la premiitoj en la Literatura Konkurso, pri kiu oni ĵus decidis prokraston ĝis la venontjara Kongreso. Grandaj afiŝoj ornamas la murojn; kaj, ĉe tuta ekstremo de la salono, staras la librovendejo kun vigla fluo da aĉetantoj. Oni vokas kelkajn nomojn, ĉar la mikrofono de «Radio-Tarrasa» atendas la parolon de delegitoj kun specifa rolo. Antaŭ la «magia» aparato, improvizas salutvortojn S-ro Chaler, prezidanto de la Organiza Komitato, S-ro Llorens kaj mi mem, kiel redaktoro de la Bulteno; ne sen emocio fluas el la gorĝo sinceraj esprimoj de danko kaj ĝojo, sciante, ke ilin oni samtempe aŭskultas interne de la hejmoj de niaj afablaj gastigantoj. Post la honora tasko, finiĝis la oficiala laboro en la matena programo; tamen urĝe postulas sian vicon gravaj privataj zorgoj, kiel tiuj, ekzemple: serĉi la valizojn —ankoraŭ en la aŭtobuso— trovi la domon de la gastiganto kaj... tagmanĝi; ĉar kvankam preskaŭ en ĉiuj salutoj oni mencias la koron, oni ne devas forgesi, ke sen nutro en la stomako ne estas sango ĉe la koro... Fidelaj, do, al tiu principo, oni bon-e-ge-manĝis kaj oportune ripozis en amikaj rondoj, ĝis la horo de la Solena Malfermo (5ª posttagmeze) en la festa salono de la Industria Instituto, kie gajmiene sidas kaj staras la tuta kongresanaro kaj multe da scivolema publiko. Prezidas S-ro Chaler; ĉe liaj unuaj vortoj, religia silento regas en la vasta ĉambro. Li trasdonas la prezidantecon al sinjoro Llorens kaj al S-ro Torrella, urba delegito de Kulturo, kiu ekde tiu momento fariĝis, anstataŭ ia protokola oficialulo, fervora amiko-kamarado nia. Solenaj aŭ kortuŝaj, normalaj aŭ patosaj, ĉiuj vortoj atestas nur pri unu fakto —grandioza fakto—: La 12ª Hispana Kongreso de Esperanto okazis kaj efektiviĝis! Post malfermaj deklaroj de la gvidantoj, kaj salutoj de la eksterlandaj gastoj, venas vico al la esperantista popolo, kies delegitoj sinsekve, laŭ regionoj kaj urboj, koncize —plej trafe— salutas la ĉeestantaron kaj eligas tra la salono spiritajn aromojn de aŭtentikaj fervoroj: laboristoj kun kalaj manoj, kamparanoj kun sunrostitaj vizaĝoj, oficistoj kun elegantaj trajtoj, doktoroj, akvokatoj... sed esperantistoj ĉiuj, samideanoj ĉiuj, kunlaborantoj ĉiuj, en la nobla tasko disvastigi Esperanton, nun kaj ĉiam, laŭ pleja eblo de siaj fortoj. Aplaŭdoj sekvas aplaŭdojn, kiuj foje kaj foje ripetiĝas, kiam oni legas dikan staplon da saluttelegramoj, venintaj de eksterlando kaj de tiuj enlandaj geamikoj, kiuj, pro neeblo persone ĉeesti, sin konsolas per spirita akompano... S-ro Llorens, en elokventa diskurso, faras resumon kaj skizas projektojn emfazante, tamen, la superan gravecon de ĉi tiu unua postmilita kunveno en Tarrasa, kies nomo signas deirpunkton al la plej arogaj entreprenoj. Post kantado de la himno finiĝis la solena flanko; aŭtoritatuloj kaj specialaj invititoj forlasas la ĉambron, kaj restas la esperantistoj por aranĝi siajn aferojn. Estas elektitaj, kiel prezidantoj, S-roj Alavedra kaj Chaler; por helpi la taskojn de la sekretario estas elektita S-ro Bosch, al kies tasko volonte aliĝas S-ro Anglada. Oni pretigas la distribuon de la temoj kaj fermiĝas la kunveno, ĝis sekvonta tago. Denove sub libera ĉielo, oni ekmarŝas, laŭ disaj grupoj, al la Industria Lernejo, grava kaj unika institucio por akiri teoriajn kaj praktikajn instruojn pri tekniko por la teksarto. La tuta profesoraro atendas la vizitantojn en la centra aŭlo; post la komplimentoj, oni vizitas la diversajn studĉambrojn, laboratoriojn kaj teksejojn, kie koncernaj fakuloj klarigas siajn specialaĵojn. Steloj trembrilas, kiel diamantoj, sur la veluro de somera ĉielo; estas tempo por la vespermanĝo, ĉar ankoraŭ atendas nin, post tio, la Literatura Muzikvespero, en la solenejo de la Muziklernejo, kie ĉarmigis nin la perfekte agordita ĥoro de «Joventut Terrasenca»



per belaj kanzonoj en hispana, kataluna kaj esperanta lingvoj, kun la aldono de koncerto de la pianisto M. Farré, kaj bonegaj deklamadoj de poeto-trobadoro S-ro Vila. Dekdujara knabineto Quiles, el Valencio, entuziasmigis la aŭdantaron per anĝelvoĉa deklamado de la versaĵo «Al la Fratoj». Kun kontenta sinteno kaj lacaj manoj, pro malŝparo de aplaŭdoj, ĉiuj ekiris serĉi la dolĉajn karesojn de Morfeo, en la litoj de hoteloj, gastejoj aŭ privataj hejmoj. Kvieto kaj profunda silento, tra la tuta urbo, pruvis sen ia dubo, ke neniu maldormis ĉe la fino de la unua kongresa tagnokto.

...Kaj denove la suno majeste sin montris en la aŭroro de nova tagiĝo, en la milda somera dimanĉa mateno, kiu sekvis la etapon de ripozo kaj dormo. Tial, je fiksita horo la kongresanoj, tute refreŝigitaj, kolektiĝis antaŭ la romanikaj preĝejoj de

**INTER LA MULTAJ LANDAJ KONGRESOJ, EN KIUJ MI PARTOPRENIS, TIU VIA 12ª HISPANA KONGRESO DE ESPERANTO EN TARRASA, ELSTARAS TRE ALTE, BELE KAJ BRILE!** *GUY DELAQUAIZE - Paris (Francio)* - Redaktoro de "LA FERVOJISTO"

Sankta Petro, Sankta Mikaelo kaj Sankta Mario, kiuj situas en romantika pejzaĝo, apud la urbo. Sub lerta gvido de kompetenta fakulo, oni vizitis atente la tri preĝejojn, kiuj konservas ankoraŭ, mirinde bonstate, la tutan ĉarmon de la kristana unua epoko. Post la vizito, okazis Solena Diservo en la sobra kadro de tiuj ŝtonaj relikvoj. Respektinda samideano, maljuna pastro Casanova, celebris la meson kaj faris elokventan predikon en flua kaj eleganta Esperanto. Aŭdante la inspiritajn vortojn, por konkordo kaj bonvolo inter ĉiuj homoj, en la moderna lingvo, tra la multjarcenta navo, la animo statis en beata raviteco.

Ankoraŭ sub tia impreso, la samideana amaso algrupiĝis sur proksima altano por komuna fotografado, kiu iĝos la oficiala grafika dokumento de nia tutlanda renkontiĝo. Tute post tio, diversaj aŭtobusoj estis pretaj por veturi al Maljunula Hejmo, moderna kaj modela institucio, kiu neniel aspektas kiel tiuj, misfame konataj, kutimaj aziloj. La belega konstruaĵo, pura kaj lumplena, kiun ni vizitis, estas honoro kaj fiero por la urbo, kiu ĝin vartas kaj subtenas. Promenante, laŭ malgrandaj disaj grupoj, oni marŝas al la Akceptejo, kie devas okazi agrabla punkto de la programo: Vintrinkado kun bongustaj spicaĵoj! Ĉirkaŭ la tabletoj, konvene aranĝitaj per boteloj kaj pokaloj, kun bonkvalita hispana vino, sidas laŭplaĉe kaj laŭvole viglaj rondetoj da gesamideanoj. Denove la esperantista babilemo ĝuas la privilegion pruvi la vivantecon de nia lingvo. Dank' al la inspiro, kiun la vino liveras, la gvidantoj ellaboras projektojn, la gajemuloj ŝercas kaj spritas; samtempe, kelkaj edzinoj ĵaluzas ĉar iliaj edzoj «hazarde» enŝoviĝis inter junulinajn bandojn, dum pli ol unu korespondanto, apud sia korespondantino, konfirmas promesojn aŭ flustras amindumaĵojn. Kaj... la ĉasantoj de aŭtografoj iras obstine de tablo al tablo, kun la pafilo de sia fontoplumo kaj la logilo de sia rideto. Sed, ĉi tiu vino estis nur kvazaŭ aperitivo por la Oficiala Bankedo, je la 2ª tagmeze, en luksa halo de Granda Kazino, laŭ sinsekvo de majstre aranĝita menuo. Imponan vidon prezentis la centra salonego en la momento de la tostoj, kiam brue saltis la korkoj el boteloj de esperantista ĉampano «Verda Stelo», kiu rajtas konkurenci kun plej famaj markoj. Vervo kaj fervoro donis specialan emfazon al la vortoj de elokventaj oratoroj: prezidanto Llorens, malnova pioniro Solá —kiel ĉarme, kiel flue!— la diligentulo Chaler, doktoro Herrero kaj aliaj, en vico tre longa. Speciale atentindaj estis la vortoj de S-ro Torrella, la urba delegito de Kulturo kaj reprezentanto de la aŭtoritatoj en la Kongreso; kun firma akcento, iomete vualita de emocio, tiel li finis sian toston: «Hieraŭ mi salutis vin, kiel gastojn; hodiaŭ, kiel amikojn; kaj morgaŭ, kredeble, jam kiel samideanojn!» Uragano da aplaŭdoj tondris unu fojon kaj alian fojon, ĝis fine la orkestro decideme ekludis la himnon, kiun ĉiuj kantis firme kaj stare, tre vigle, agorde kaj laŭte, tre laŭte...

Tamen, kongreso de Esperanto ne nur konsistas el amuzo kaj festoj; decas doni konsiston al la vortoj de diskursoj kaj himnoj, studante planojn kaj lernante per la eraroj, senintence faritaj dum la agado;



ĉar nur tiu ne eraras, kiu nenion faras... Tial, por amike diskuti, por aŭskulti kaj diri opiniojn, spite la varmon, estas plenplena la salono de la Industria Instituto, en rolo jam de laborkunvenejo. La prezidantaro okupas sian lokon, same kiel ĉiuj estraranoj kaj fakaj respondeculoj, kiuj sidas proksime de la prezidejo. Sinjoro Alavedra malfermas la kunvenon kaj admonas ĉiujn al pozitiva diskutado. Sinjoro Santamaría, la ĝenerala sekretario, informas detale pri ĉiuj eventoj okazintaj, ekde la fondiĝo de la Federacio, kaj pri la multaj malfacilaĵoj, kiujn oni bezonis venki por ebenigi la vojon al sukcesa antaŭenirado. Li diras: «En la unuaj momentoj, la laboro estis tute silenta. Ni devis elekti taŭgan aron da estraranoj, kies nomojn ni devis poste prezenti al la aŭtoritato por ties aprobo; ĉar nur tiam, kiam ni ĝin atingis, ni rajtis agi. Ni dissendis cirkulerojn al ĉiuj konataj adresoj; sekve de tio, baldaŭ ni ricevis kontentigan nombron da aliĝoj. La statistikoj de la unua tempo validas ankoraŭ por nun; la nombro da membroj, laŭ kvanto en urboj, sekvas la ordon de jena vico: Valencio, Tarrasa, Barcelono, Cheste, Zaragozo, Sabadell, Madrido, Bilbao Santander, k. t. p. Entute, jam preskaŭ kvincent membroj troviĝas en niaj registroj; kvankam, bedaŭrinde, kelkaj el ili eksiĝis, la ekvilibro ne rompiĝas, ĉar novaj alfluoj ne ĉesas; kaj, esperplene, ni atendas la aliĝon de tiuj amikoj, kiuj, ne estante ankoraŭ aktivaj membroj, sed ja fervoraj samideanoj, ĝuas kune kun ni la ĝojon de ĉi tiuj tagoj. Ili estos akceptataj, en la komuna tendo, kun granda plezuro! Se nur mil nomoj estus en la slipoj de nia membraro, la stato de nia Federacio estus prospera; sekve, do, en tiu direkto ni agu jam eke de hodiaŭ!» Poste, li rakontas siajn spertojn, kiel sekretario, pri la bona volo de multaj novuloj kaj malnovuloj, ĉiuj efike laborantaj laŭ gvidlinio, kiun la estraro difinis kaj, espereble, oni aprobos. Li daŭrigas: «Se la nomojn de kandidatoj, por la estraro, proponas la estraro mem, tio okazas pro postulo de leĝo; sed la membroj rajtas ĉiam akcepti aŭ rifuzi ilin, proponante aliajn, en ĝenerala balotado». «Pere de nia Bulteno, vi ĉiuj konas la ĉefajn aferojn de nia organizo. Supera zorgo, kompreneble, estas la regula aperado de nia oficiala informilo, pri kiu vi aŭdos poste apartan raporton». En resumo pri la asocia agado, li emfazas, ke plej gravaj decidoj de la estraro, dum la daŭro de la jaro, estis: okazigo de la Kongreso, aliĝo al U. E. A. kiel asocia membro, kaj iniciato de demarŝoj ĉe la Akademio de Esperanto, por ke la hispana lingvo estu en ĝi reprezentata, kio ne plu okazas, pro la vakanteco, kiun lasis la morto de S-ro V. Inglada, kies memoron, kiel tiun de ĉiuj aliaj forpasintaj samideanoj, respektoplene oni gardas. Plue, li diras: «Inter la farendaj taskoj, elstaras la bezono de lernolibroj kaj vortaroj, ĉar elĉerpiĝis la antaŭaj eldonoj, kaj la materialo nun ekzistanta estas tro konciza. Tamen, la solvo de ĉi tiu problemo ne dependas de volo sed de mono; kaj pri mono jam grumblos sufiĉe la kasisto, en sia informo. Pro la sama kaŭzo, ni ne povas certigi la aperon de la promesita Adresaro, pri kies utilo ni ege konscias». Kaj li finas per aserto: «La Federacio ŝuldas sian ekziston al la hispana samideanaro, ĉar nur per ties helpo, ĝi naskiĝis kaj vivas. Sed ankaŭ vero, ke tiu samideanaro ŝuldas al la Federacio la garantion de leĝa ŝirmo, en nia lando, por la propagando de Esperanto, kies idealo renaskiĝis el siaj cindroj, kvazaŭ mitologia fenikso, kaj estas nun pli promesplena ol neniam antaŭe ĝi estis».

Sekvas diskuto kun interveno kaj partopreno de pluraj delegitoj, kiuj en flua lingvo esprimas siajn vidpunktojn, favorajn aŭ ne favorajn al la estraraj tezoj. Apud varmaj laŭdoj kaj senkondiĉaj aproboj, hirtas la pikiloj de objektivaj kritikoj aŭ plendoj, kiel tiuj de S-ro Mañez, el Cheste, kaj Viladoms, el Sabadell, kiuj bedaŭras la mankon de ĝustatempa tagordo, por ĉi tiu kunsido, kaj la neakuratecon en la respondoj al kelkaj gravaj leteroj, adresitaj al la sekretario. S-ro Santamaría, kun trankvila sinteno, agnoskas la pravon de tiaj riproĉoj, sed ankaŭ li avertas pri la materia neeblo teni pli vigle la kondukadon de la sekretariejo; tial li estas preta eĉ tuj rezigni sian postenon... Ĉe tiaj vortoj, la reago de la kunvenantaro tuj sin manifestas en la kortuŝa emocio de S-ro Martí, el



Barcelono, Vigo, el Martinet, Bernabeu, el Callosa de Segura, kaj aliaj, kiuj forte akcentas, meze de bruaj aplaŭdoj, ke nur dankojn meritas la anonima sindonemo de nia federacia sekretario. S-ro Viladoms klarigas la sencon de siaj antaŭaj kritikoj kaj donas siajn manojn, ne nur por aplaŭdi, sed ankaŭ amike por premi tiujn de sinjoro Santamaría, kiu, jam apud li, promesas al ĉiuj daŭri en la ofico kaj oferi sian tempon por akurata plenumo de sia devo. La momento estas nepriskribebla! Se ĵus bolis pasio en la salono, tio okazis pro la forto de sama entuziasmo, sed la «ŝtormo» utilis por forblovi miskomprenojn, varmigante la buŝojn en klara prononco de ĝustaj terminoj, kiujn en ekzameno certe oni dirus balbute kaj ĝie oni pafis korekte. Ne vane oni diras: neniu malbono estas sen bono...

Sekvis la debatoj pri aliaj ceteraj temoj. S-ro Anglada parolis pri organizado de la instruado; li konsilis doni sciigon pri ĉiuj kursoj al la estraro. Longe oni diskutis pri tiu plej grava afero de moderna porinstrua materialo, kiu nun mankas. Sugestoj kaj projektoj, kelkaj el ili tre atentindaj, restas en deviga stagno, almenaŭ momente, pro la ĝena flanko de la financoj, tiel angore ĉie premantaj la idealistajn entreprenojn. Tial, venas vico al la raporto de la kasisto, kiu, ekster la ornamo de ĉia retoriko, per koncizaj vortoj, informas pri la ekonomia situacio de la Federacio.

Ĉi tiu dokumento, estas redaktata en hispana lingvo por ebligi komprenon al tiuj personoj, kiuj, kvankam helpemaj kaj bonaj amikoj, ne estas sufiĉe perfektaj esperantistoj. S-ro Bosch, je nomo de la kasisto, legas la raporton, kiu tekstas jene:

SEÑORES FEDERADOS:

*Alcanza al Tesorero presentar la faceta más delicada y áspera de las actividades de cualquier Asociación; ello sucede así con carácter general, pero en una organización como la Federación Esperantista Española, con un contingente exiguo de socios, la labor de Tesorería se agudiza hasta extremos sensiblemente enojosos.*

*Nuestro nacimiento a la luz pública fué un acto de entusiasmo; pero en la vida material de los tiempos que nos cabe presenciar, más que el ideal y la buena voluntad, es la realidad de una solidez económica lo que tiene valor para la continuidad de una empresa.*

*De todos es público que el desenvolvimiento de la Federación se lleva acogiéndose a un régimen de cuenta rasa, ya que todo el esfuerzo económico se circunscribe y concentra alrededor de la publicación del Boletín, como exposición de la existencia y persistencia del ideal esperantista en España. Durante el año pasado, la constante elevación de los costes nos hizo llegar a un déficit al cerrar el año, pues calculada la cuota de asociado sobre cifras de enero, en diciembre todo aquel cálculo matemático no tenía ya valor alguno, pues, por otra parte, el incremento de miembros no ascendió a número suficiente como para equilibrar los aumentos de costes.*

*Este estado de cosas obligó a una revisión de las cuentas y a una elevación de las cuotas en principio fijadas. Sería de desear que ello permitiese finalizar el año sin dinero en Caja, pero con la publicación de los Boletines en la forma como hasta ahora se tiene proyectado.*

*Pero las perspectivas —y no deseo caer en el pesimismo— no me inducen a considerar tal final halagüeño. En principio, tenemos que el aumento de la cuota ha retraído en grado superior al que podía calcularse a más de un socio; son bastantes quienes hasta la fecha no han cotizado sus cuotas, con el consiguiente efecto para nuestro desenvolvimiento y que, dado lo avanzado del año, es de temer no lleguen a cotizar; cosa insólita, pues podemos pregonar que la Federación Esperantista Española es, posiblemente, la única asociación que entrega a sus miembros más valor material que cuota recibe, ya que así sucede por el desprendimiento que en su trabajo no retribuído ponen unos cuantos asociados. Por otra parte, no se lleva un aumento de socios progresivo, capaz de sanear nuestras flácidas finanzas.*

**La granda sukceso de nia Kongreso ne devas esti efemera reflekto, kiel**

*He de agradecer públicamente a los entusiastas miembros que, dentro de sus posibilidades económicas, periódicamente, y muchos con regularidad, ofrecen sus donativos para mantenimiento de nuestro plan en pro de la publicación del Boletín. Pero la Tesorería no debe confiar en estas entradas voluntarias, a pesar de la importancia y ayuda que representan, sino que debe basar sus cálculos en las cuotas, que es el capítulo fijo y obligado de ingresos.*

*De todo lo expuesto, y sin extenderme en más consideraciones, se deduce que si el nacimiento de la Federación Esperantista Española fué el resultado feliz de los trabajos de un puñado de personas entusiastas, la continuidad de la Federación no puede ser más que el resultado del entusiasmo continuo y diario de todos y cada uno de los asociados, entusiasmo que ha de reflejarse en dos direcciones:*

*Primera, persistencia de los ya asociados mediante la cotización de cuotas en tiempo y por cantidad conveniente; y*

*Segunda, incremento del número actual de asociados, mediante la aportación de nuevos elementos que los ya inscritos deben reclutar entre sus familiares, amigos y conocidos para reforzar nuestras filas.*

*Si dejamos en la inercia la marcha de la Federación, paulatinamente se irá formando la herrumbre que frene nuestro movimiento; por el contrario, la atención diaria por la Federación y por el Esperanto será el lubricante que acelere nuestra marcha, en dirección a la meta de una Asociación fuerte y sólida, que prestigie y dé notoria muestra en toda España de la lengua auxiliar internacional.*

*EL TESORERO*

Vigla diskutado sekvis rapide, kun diversaj proponoj, por atingi pli da nutro por la kaso. S-ro Rodríguez, el Madrido, sugestis asigni fikse difinitan kvoton da membroj al ĉiu esperantiste grava urbo. S-ro Herrero, el Valencio, opiniis, ke bona solvo estus la aliĝo de multaj malnovaj esperantistoj, kiuj ankoraŭ ignoras la ekziston de la Federacio. Tiam, li sin turnis al la tuta kunvenantaro kaj demandis: «Kial ili ne venas al ni? Ĉu la Federacio deflankiĝis eĉ milimetron de plej rigora neŭtraleco?». Aklama respondo unuanime tuj resonis: «Ne!». Sekve, do, oni rajtas konkludi, ke regulaj kotizoj de pli densa amaso da membroj estus kontentiga rimedo. Tamen, la pozitiva helpo de bonvolaj donacoj ne estu alnomata «almozo». Ili ĉiam estos bonvenaj, eĉ post la feliĉa evento de plena ekvilibro en la buĝeto. Daŭris la difinoj kaj mi mem ne rezistis la emon paroli pasie, por laŭdi la sindonemon de tiuj diversurbaj volontuloj, kiuj kompletigas la oferemon de la aktivuloj el la Valencia rondo, pretaj fordoni ne nur horojn el sia vivo, sed ankaŭ monerojn el sia poŝo; ĉar, por la sano kaj belo de la Bulteno, ili rezignos se necese la plezuron trinki bieron aŭ kafon, kvankam la gazeto ne estas privata negoco ilia, sed aroga flago, nepre defendinda, de ĉiuj hispanaj esperantistoj. Fine, venis decido insiste rekomendi al ĉiuj varbi novajn membrojn, en siaj respektivaj urboj, por duobligi la nombron da federacianoj. Poste, kvazaŭ broĉo de ĉi tiu debato, oni faris monkolekton tie mem. Kaj, kiel speciala kongresa donaco, disa kvanto da monbiletoj, el plej diversa valoro, amasiĝis sur la prezida tablo. Malfrua fariĝis la horo, raŭka fariĝis la voĉo... sed energio ne mankis, kiam venis vico al la informo pri redaktado de la Bulteno; meze de granda silento, per malforta voĉo, mi eklegis la raporton, kiu ĉi-sube preslitere aperas:

«KARAJ GEAMIKOJ: Komisiite de la Estraro, mi zorgas pri la redaktado de nia Bulteno. Kvankam tre agrabla, la tasko prezentas malfacilajn flankojn, ekster la naturaj malfacilaĵoj el pure teknika vidpunkto. Ne nur konata, sed ankaŭ vera, estas la proverbo diranta, ke ankoraŭ neniu plaĉis al ĉiu; pro tio, eĉ plej zorge kaj bonintence aranĝita afero renkontas riproĉojn aŭ mallaŭdojn, kiuj, se honeste faritaj, utilas tamen por korekti korektindajn kaj korekteblajn detalojn. Mi volas diri per tio, ke nur objektivaj kritikoj ludas konstruan

rolon, antaŭ la koncernaj respondeculoj. Oni devas kompreni, do, ke por iel unuecigi la enhavon de speciala legaĵo, kiel nia gazeto —kiu, malgraŭ sia modesteco, migras ĝis la antipodo— estas necese konduki la tutan aranĝon, precipe la lingvan flankon, laŭ la fidinda kriterio de reduktita rondo, kiu, honeste interpretante —aŭ penante interpreti— la dezirojn de plimulto da legantoj, rajtas gvidi la entreprenon sen atento al aliaj konsideroj, se ne tiuj de la ĝenerala konveneco. Tamen, jen grava komplemento por la antaŭa aserto, ĉi tiu forta konvinko mia, pri absoluta decidolibero de la redaktistoj, haltas kaj ĉesas efiki, ĝuste nun, kiam la komisiitoj staras reale antaŭ la veraj mastroj de la entrepreno, submetante al ilia konsidero la faritan laboron; humile kaj studeme atendante juĝon kaj verdikton, kiu, se favora, simple fermos unu etapon, por malfermi alian; kaj, se malfavora, ĝi taŭgos por malkovri erarojn aŭ ripari difektojn, kiuj —nepre forigendaj— devas esti rigore evitataj en la nova laborperiodo, kiun daŭrigos eke de ĉi tiu kunveno, la sama ĝisnuna ĉefredaktoro aŭ alia pli sperta, pli kapabla aŭ pli konvena, elektita de via prefero kaj bontrovo. Sed, kiu ajn li estos, dum la daŭro de lia ofico, de unu kongreso al alia, la mandato de lia posteno devas surporti kaj la garantion de via konfido kaj la sigelon de via volonte donita aŭtoritato.

Jam dirite, ke nia kara federacia periodaĵo estas io speciala, io tute malsama ol ordinara nacilingva eldonaĵo. Ĝi estas, samtempe, informilo kaj propagandilo, bulteno kaj revuo, sed... verkita en du lingvoj, kaj unu el tiuj lingvoj estas Esperanto, la genia kreaĵo de D-ro Zamenhof, kiu ne jam utopie celas fariĝi universala lingvo, sed fakte jam tia ĝi estas, por la bonsorta kaj saĝa parto de la homaro, kiu tutmonde ĝin aplikas, kun pli feliĉaj kaj pozitivaj rezultatoj ol tiuj, kiujn ĝis nun sukcesis atingi ĉiuspecaj diplomatoj. Nu, mi klopodis, ke nia Bulteno estu tio: specifa organo de la Federacio, kaj familiara amiko de la federacianoj; ĉar, por eviti la riskojn de tro seka oficiala enhavo, kun balasto de rutinaj aŭ enuaj formalaĵoj, mi aperigas asociajn komunikojn nur en la grado de nepra neceso, pleniĝante la paĝojn per materialo kun varia enhavo, jam per si mem adaptita en regulaj rubrikoj, kiuj, laŭ multenombre ricevitaj leteroj, estas plezure akceptataj, tiel de la landaj, kiel de la eksterlandaj legantoj. Krom la favora opinio al tia aranĝmaniero, kiel oni deduktas per la respondoj al la pasintjara demandaro, en difinita malgranda nombro da legantoj ankoraŭ estas aktuala la demando pri la amplekso de la hispanlingva kaj esperanta partoj. Tre malfacile akordigeblaj estas jenaj du opinioj: Preskaŭ ĉio en Esperanto; preskaŭ ĉio en hispana lingvo! Kompreneble, por la propagando utilas hispanlingvaj tekstoj, kvankam artikoloj en la internacia lingvo ankaŭ imponas al tiuj, kiuj ne facile kredas al la vivanteco de Esperanto; cetere en la nunaj cirkonstancoj, kiam financoj, doganoj, k. t. p. malhelpas la rektan ricevon de abundaj legaĵoj el la ekstero, la enlandaj samideanoj ŝatas legi esperantajn presaĵojn. Mi sekvis, do, la mezan vojon, kiun kredeble preferas granda plimulto.

Al la scienca paĝo, kun facila ĝenerala karaktero, estas ĝentile invitataj ĉiuj amikoj havantaj apartajn fakajn konojn pri kiu ajn branĉo; ĝis nun, en tiu rubriko abundis la medicinaj diskonigaj artikoloj; sed nur pro tio, ke la kuracistoj sin montris pli agemaj. Tre bonvenaj ankaŭ estos mallongaj artikoletoj pri kuriozaĵoj kaj anekdotoj aŭ historiaj faktoj, kun aldono de konvenaj spritaĵoj kaj enigmoj, por aranĝi tutan paĝon en ĉiu numero, kun la celo instrui kaj distri. Daŭros, se vi konsentas, la biografioj de veteranoj kaj la centra rubriko, kun komentoj kaj recenzoj pri gazetoj, kio starigas agrablajn rilatojn inter ni kaj ĉiuj aliaj Esperanto-publikigaĵoj. Pri la nova rubriketo Interlingva Paralelo ankoraŭ mi ne havis okazon aŭdi opiniojn; sed pri alia nova sekcio mi rapidas admoni la legantojn, pro manko de intereso ĝin subteni, kvankam tre grava ĝi estas: temas pri la Hispana Kroniko, spegulo de nia landa movado, kiun, bedaŭrinde, oni ne sufiĉe atentas. Multaj kaj multaj amikoj esprimis deziron legi pli da informoj kaj raportoj pri la vivo kaj agado de la lokaj grupoj. Ĉiuj devas tamen konscii, ke redaktoro povas ŝtopi paĝojn per pli aŭ malpli valora literaturo, sed neniel li povas tiri informojn el sia kapo, kvazaŭ lerta prestidigitatoro, kiu eltiras kolombojn kaj kuniklojn el malplena ĉapelo. Por aperigi informojn, nepre necesajn por fari pozitivan bilancon de nia agado, oni bezonas antaŭe ricevi tiujn informojn de la

koncernaj rondoj. Mi vokas ĉiujn, kaj ĉiujn insiste mi invitas, ne neglekti la devon sendi al ni, ĉiumonate, eĉ kelklinian raporton pri ĉiu okazaĵo, eĉ plej simpla —por aŭ pri Esperanto— okazinta en granda urbo aŭ en malgranda vilaĝo. Ankaŭ, tre ofte, mi aŭdas plendi la ŝatatan lernejestron, t. e. la komisiiton prizorgi la rubrikon La Lernejo, pro manko de konsultoj kaj demandoj. Ĉu jam ĉies lingva kapablo tiel multe altiĝis, ke ne plu estas necesaj gramatikaj klarigoj? Bedaŭrinde, ankoraŭ ne... Sekve, oni ne hezitu demandi pri siaj duboj; kaj, certe, kompetenta respondo utilos ne nur al la unuopa demandinto, sed ankaŭ al multaj legantoj, emaj funde koni kaj flue paroli la lingvon sen eraroj. La hispanlingva paĝo «Facetas del Movimiento Esperantista» kun mallongaj freŝdataj sciigoj, pri disvastiĝado de Esperanto tra la mondo, ne estas publikigata por nura kontentigo de via fervoro, sed por periode havigi aŭtentikan materialon, kiun vi devas diskonigi, insiste kaj persiste, inter viaj konatoj, en ĉiuj rondoj, kien vi kutime iras, klopodante ankaŭ, se eble, sendi tiajn sciigojn al la redaktejoj de ĵurnaloj aŭ gazetoj aŭ radiostacioj. Aparte gravaj estas la informoj pri oficialaj ŝtataj decidoj aŭ dekretoj, favoraj al Esperanto, ĉar lerta kaj ruza propagandisto multon povas fari kaj multon povas tiri, per la seka prozo de tiuj oficialaj dokumentoj.

Kvankam pli grava la enhavo ol la enhavujo, mi multe zorgas vesti la infanon per puraj kaj —kiam eble— belaj vestoj, ĉar ankaŭ la formo, en nia epoko, estas grava flanko de la propagando. Per modestaj malriĉaj ŝtofoj mi envolvas la korpon de nia ido; ĝi aspektas, laŭ multaj kaj tre multaj laŭdoj, kiel sana bebo sane ridetanta; kaj ridetoj en gazetoj estas ĝuste mem tiuj ornamaĵetoj, tiuj akcesoraj detaletoj, kiuj se ne pligravigas la sukon de la enhavo, ili almenaŭ incitas kaj invitas gustumi ĝin aŭ frandi ĝin. Emfazi mem propran laboron estas peko de vantemo, sed tro modeste prisilenti ĝin kovas la riskon monotonigi la fervorojn kaj senvalorigi la valoran varon de tre multaj horoj da intelekta kaj materia laborado. Sen ia intenco al laŭroj nek laŭdoj, sincere kaj dece mi povas aserti, ke nur malmultaj personoj scias, kiel multe pezas la ŝarĝo redakti, korekti, munti kaj ekspedi la modestan kajeron kiu, vizitante vin ĉiumonate, kiel ĉenero en la granda ĉeno de la tutmonda esperantista gazetaro, ankaŭ faras vin ĉeneron en la ŝtala ĉeno de la granda hispana Esperanto-familio. Antaŭ ol fini, neniel mi volas silenti la nomojn de ceteraj fervoruloj, kiuj, ekster la kadro de landaj kaj eksterlandaj kunlaborantoj, diligente min helpas en la komuna tasko, akceptante senplende miajn sugestojn kaj indikojn: S-ro Rafael Herrero verkas regule la frontpaĝan hispanlingvan artikolon kaj atentas pri sekcio Sciencia Diskonigado; krome, maskita per la granda nazo de Cirano, li zorgas pri daŭra provizo da spritaĵoj. S-ro Ernesto Hurtado kompilas kaj ordigas la materialon por «Facetas» kaj respondecas pri la ekspedado al la eksterlandaj adresoj. S-ro Juan Bosch, kiel pacienca pedagogo, vartas la lernantojn en sia koncerna Lernejo. S-ro J. Juan Forné serĉas kaj aranĝas informojn por la biografioj de veteranoj, kiujn kutime li mem intervjuas. S-ro Vicente Santamaría, la ĝenerala Sekretario, treege modesta, sed treege valora elemento, adresas la banderolojn kaj gvidas la ekspedadon. Kaj... fine, pli anonima kaj mistera, alia kontribuanto, La Legema Koboldeto, kaŝita en la ideala rifuĝejo de sia fantazia arbaro, vin salutas kaj dankas pro tio, ke vi eltenas ĉiumonate la dolĉamaran filozofion de lia ŝanĝiĝema karaktero. Konfidence mi povas al vi konfesi —tion certe mi scias!— ke, se ĉiuj homoj estus kiel la esperantistoj, li ankaŭ volonte fariĝus homo. Kaj se maskita, per jako kaj pantalono, inter ni li nun troviĝas, li ne bedaŭros la faritan viziton al la mondo de la homoj, de la esperantistaj homoj...

Al ili ĉiuj, do, karaj geamikoj, en la hela forumo de nia Kongreso, venu la kareso de via simpatio por ilin stimuli, por ilin saluti, por ilin danki kaj por ilin rekompenci per la malgranda granda gesto, en ĝentile spontana omaĝo, de viaj fortaj sinceraj aplaŭdoj».

Longe, tre longe daŭris la manklakado, kiu tuj sekvis, kiel honora eskorto al miaj finaj vortoj, diritaj apenaŭ aŭdeble. La tondra aplaŭdado el centoj da manoj estis ja valora rekompenco, ĉar ne nur publika esprimo de danko al zorgoj kaj penoj, sed ankaŭ ĝi estis oficiala sankcio, kun plena aprobo, al la frukto de tiuj zorgoj kaj penoj. Aklame oni aprobis, do, sen diskuto, la raporton kaj la daŭrigon de sama gvidlinio. La multajn gratulojn adresitajn al la redaktistoj, je kies nomo mi raportis, ni ĉiuj



ege dankas, sed mi haltas nun iomete, en la parado de ĉi tiu kroniko, por rekomendi, ke oni legu kaj relegu atente tiun parton de mia informo, en kiu ĉies kunlaboro estas petata. Tiel, agante konsekvence, la aplaŭdoj fariĝos io pli masiva ol simpla bruo...

Kaj kvazaŭ vosto de la laborkunsido, restis ankoraŭ la demando pri la proksima kongreso. Post mallonga diskuto pri konveneco okazigi la landan renkontiĝon jare aŭ dujare, ĉiuj konsentis al ĉiujara kongresado. Elekto de urbo, por la venonta jaro, sekvis en la vico. S-ro Viladoms proponis sian urbon Sabadell, kiu estas grava esperantista centro; sed, kvankam la proponon oni aŭdis kun simpatio, ĝi ne sukcesis, ĉar Sabadell kuŝas preskaŭ najbare de Tarrasa, kaj la venontjara Kongreso devas okazi en alia regiono. Ekster Katalunio, jen du urboj nur, Zaragozo kaj Valencio, prezentas nun taŭgajn kondiĉojn; ili devas okupi, do, aktivan lokon ĝis la oportuna momento povi triumfe hisi la flagon de kongreso nia en Madrido mem, la ŝtata ĉefurbo, kie Esperanto promesplene jam burĝonas. La zaragozaj delegitoj esprimis dubojn pri taŭga preparo de sia urbo jam nun. Valencio, do, estis unuanime proklamata urbo por la 13ª Hispana Kongreso; la nomon de la Federacia centro oni salutis stare kaj ĝojbrue, post kiam la valencianoj promesis egali, se ne superi, la pompon de la nunjara festo, kiu jam eniris en la lastajn fazojn. Efektive, oni decidis sendi telegramon al la superaj aŭtoritatoj, tuj antaŭ ol la prezidanto fermis la kunsidon, post tri longaj horoj de intensa laboro en ŝvita medio, kiun ankoraŭ varmigis pli la pasio kaj la ardo de la multaj kongresanoj malproksime loĝantaj, kiuj venis ne por turisme vojaĝi, sed por aktive kongresi...

Tiu bona kutimo estu devizo imitinda! Sen forgeso, kompreneble, al la vulgara kutimo... vespermanĝi en ĉiu vespero, kion ĉiuj rapidis plej akurate plenumi, por ĉeesti ĝustatempe en la Folklora Festivalo, en ĝardeno de belarta societo. Ĉarma ripozo, delikata ĝuo por la spirito, estis la belega prezentado de «sardanoj», la karakteriza kataluna rondodanco, kiun oni dancas laŭ ritmo de regula takto, tiel solene kaj atente, kvazaŭ plenumo de rito plej sankta. Facilmovaj junuloj kaj sveltaj knabinoj, kun tipaj kostumoj, plektis arabeskojn, laŭ la melodio de ĉiu aparta danco, el la diversaj regionoj de Katalunio, por regali nin kaj mirigi nin. La spektaklo estis ja vera elmontro de arto, de popola arto, kiel ideala krono el filigranoj por ĉi tiu historia dimanĉo, kiun de frua mateno



*Sur altano, antaŭ romanika muro, granda grupo el la Kongreso publike sin montras*

ĝis alta nokto, oni dediĉis al Esperanto. Denove regis kvieteco en la urbo, ĉar la kongresanoj dormis kaj sonĝis feliĉe, sub la impreso de tiel multaj agrable travivitaj sensacioj, kiujn oni neniam forgesos.

En la sekvanta tago, lundon matene, la programo postulis realgrupiĝon por fari viziton al grava fabriko de teksaĵoj, laŭ speciala permeso de la mastroj. En disaj grupoj, sub gvido de ekspertoj, la kongresanoj trairis la vastajn laborejojn de tiu moderna instalaĵo, kiuj aspektis vigle kiel abelujoj en plena funkciado. Ni povis observi la diversajn procedojn pere de kiuj, kruda lano transformiĝas en delikata ŝtofo. Admirinda estas la vido de tiom da maŝinoj, ŝpiniloj kaj teksiloj, en gaja movo, kontrolitaj de lertaj gelaboristoj; kelkaj el ili estas samideanoj, kiuj hieraŭ mem partoprenis la debatojn de la laborkunsido. Ankaŭ mi rimarkis, ke pluraj laboristinoj estas tiuj gracilaj knabinoj, kiuj, je honoro nia, ankaŭ hieraŭ vespere, dancis en la ĉarma baledo de la katalunaj dancoj; kaj tiuj junulinoj tiel diligente hieraŭ dancis, kiel hodiaŭ ili deĵoras apud knarantaj laboriloj, pruvante, ke arto kaj laboro estas, feliĉe, en plej intimaj kaj bonaj rilatoj.

Post la interesa vizito, jam ĉe la pordego de la fabriko, ni kolektiĝis por ekmarŝi al proksima haltejo, kie komfortaj aŭtobusoj nin atendis kun zumantaj motoroj, pretaj starti en ĝoja karavano al la impona monto Montserrat (katalunlingve: **segilforma monto**). Plej prava, mirinde prava estas la nomo, kiel ankaŭ la famo, de tiu grandioza muzeo de la naturo! La spirito ricevas strangajn impresojn, la pensoj flugas alten, antaŭ la grandioza spektaklo de tiuj arogantaj granitoj, kiuj mute sed elokvente atestas pri la eteco de ĉiuj pretendoj de la homa malhumileco. Tie oni pasigis la ceteran parton de la tago, en agrabla kunesto, ĝis elĉerpiĝis la provizo da rulfilmoj en ĉiuj fotografiloj, «kaptante» scenojn kaj grupojn, kun timinda fono el nudaj rokegoj. Jam en la krepusko, revenis la karavano al Tarrasa, por vespermanĝo kaj alesto en korto de la Akceptejo, kie la Amuza Adiaŭa Vespero okazis kun varieteo kaj ĝenerala libervola babilado, ĉar oni devas profiti la tempon, antaŭ ol rigore venos la horo de la disiĝo... kiu fine venis, inter fumo de piroteknikaĵoj, aklamoj, salutoj kaj fortaj manpremoj, por doni okazon al vere oportuna apliko de unu sola frazo, kiu ĉie aŭdebla tiam, estis emblemo de nia volo, de nia obstino, de nia espero de plej firmaj esperantoj en la mondo: Ĝis revido!... Jes, ĝis revido, ĝis revido en Valencio, urbo de oranĝoj kaj floroj, kiu jam sin preparas por la pompo de nia venontjara kongreso, en la fantazia kadro de sia kolorriĉa somera Foiro.

◆ ● ◆

Kaj, kvazaŭ antaŭa promeso pri tio, granda, tre luksa aŭtobuso, kun kvardeko da valencianoj, inter ili la centra stabo de la Federacio, semis la vojon de Valencio ĝis Tarrasa per miloj da verdaj flugfolioj. Cetere, la fervoja rabato estis taŭga avantaĝo, kiun preskaŭ ĉiuj profitis. Cheste sendis amasan delegitaron, kun freŝa bukedo da belaj knabinoj, kiuj, kune kun tiuj de aliaj regionoj, ornamis la kunsidojn kaj plivigligis la konversaciojn. Zaragozo ankaŭ estis amplekse reprezentata. La tendaro staris proksime de la urbo, en konvena angulo de densa arbaro, apud fonto; tie okazis diversaj festetoj laŭ la ŝatata stilo de naturamikoj. Elektraj vagonaroj ebligis facilan veturon de Tarrasa al Barcelono, aŭ inverse. Ĝis fine, unu el tiuj vagonaroj forprenis la lastajn kongresanojn; restis en Tarrasa, denove solaj, la lokaj samideanoj; solaj, kun la konscio de trafe plenumita devo kaj... kun eta hundino, kiu, ŝajne forlasita de kongresano, sopiras al sia mastro. Ĉu oni povas scii, al kiu ĝi apartenas? Tiu humila besteto, pro sia humileco mem, estu iel lasthora heroo de mia kroniko, kiu multe longiĝis kaj tamen nur pale priskribis la filmon de la 12ª Hispana Kongreso, apartenanta nun jam al la historio...

**LUIS HERNANDEZ**

**LA KONGRESO EN TARRASA ESTIS BRILA, MODELA, SED MI NE DUBAS, KE VI KAPABLOS ORGANIZI VENONTJARE SAME BELAN FESTON EN VALENCIO. KAJ MI DEZIRAS PLENAN SUKCESON AL VIA LABORO POR LA PROGRESO DE NIA MOVADO EN VIA GRANDA KAJ BELA LANDO** *HOLGER HANSEN, lernejestro en Holbaek (Danlando)*



# TARRASA, NIA KONGRESURBO

Tarrasa, kun 50.000 loĝantoj, kuŝas 310 metrojn alta super la marnivelo, kaj ĝi situas je 33 kilometroj nordokcidente de Barcelono. Kvankam tre antikva urbo, konata jam en la jaro 1450ª antaŭ Kristo, ĝi aspektas nun agrable kaj moderne, kun larĝaj stratoj kaj belaj promenejoj. En ĝia kamparo, oni rikoltas grenon, vinberojn, olivojn, karotojn, furaĝon kaj legomojn. Tamen, super ĉio, Tarrasa estas industria urbo, kun multaj manufakturoj, ĉiam en kreskanta progreso. Nuntempe, daŭras vigle-la produktado de ĉiuspecaj teksaĵoj kaj ŝtrumpoj, krom iliaj helpaj prilaboroj. En ĝiaj modernaj fabrikoj funkcias nun 165.973 ŝpiniloj, 2799 teksmaŝinoj kaj 240 trikmaŝinoj, kiuj produktas bonkvalitajn komercaĵojn, konatajn en la tuta mondo. Dum la pasinta jaro, oni eksportis 1.500.000 metrojn da teksaĵoj kaj 71.000 dekduojn da ŝtrumpoj. Apud la laboro bone prosperas la kulturo, pro efiko de multaj fakaj superaj lernejoj, kiel la Instruejo por teksartaj inĝenieroj, unika en Hispanio, kaj pliaj institucioj por muziko, ĥoroj kaj ceteraj belartoj, inter muzeoj kaj bibliotekoj. Evidenta signo de klereco estas la forto de la tiea Esperanto-movado, kiu jam en la komenco de la nuna jarcento enradikiĝis tiel profunde, ke nia lingvo estas fremda afero por neniu tarrasano. Rimarkinda detalo estas diversaj butikoj kun esperantaj nomoj. La urbestraro mem, fidela al la tradicio de esperantista gastameco, kiun la urbo ĝuas, oficiale patronis kaj subtenis la Kongreson per valora subvencio kaj regalis la kongresanojn per afabla akcepto kaj oportunaj servoj, kiuj utilis por la plena sukceso de nia unua postmilita renkontiĝo.

# BONA MORO ESTAS LA BONA HUMORO PRI LA AGOJ DE PAPAGOJ

Foje, la fama papago Joe Karioka entreprenis grandan vojaĝon tra la tuta Eŭropo, akompanate de alia samplumano nomata Piko Bekoka. La celo de la vojaĝo estis eltrovi la plej taŭgan lingvon por papagaj bezonoj. Ili krozadis la tutan kontinenton sensukcese; kaj, forlasante ĝin, ili eniris en Hispanion. Niaj du herooj flugis al Tarrasa kie ili intencis aĉeti bonkvalitajn ŝtofojn por la venonta vintra sezono. Serĉante arbon kun taŭga branĉo, por tranokti, ili preterflugis grandan salonon, kie aŭdiĝis tre dolĉa ankoraŭ ne aŭdita parolmaniero. Senhezite, ili ŝteliris en la salonon, kie amaso da homoj, ŝvitegante, interparolis per lingvo, kiun ili trovis eleganta, kiel la franca; energia, kiel la hispana; simpla, kiel la angla; muzika kiel la itala. Ĝi plaĉis al ili, des pli kiam ĝia uzanto estis iu longnazulo, kiu akre klaĉis. «Jen, papagido», pensis Karioka. Bone informataj, ili foriris por manĝi kelkajn nuksojn kaj migdalojn. Post la sobra vespermanĝo, ili revenis en la salonon, ĉar la kunsido ankoraŭ daŭris; tiam ili povis rekoni malnovan amikon, koboldeton, kiun ili trovis antaŭe en eŭropaj arbaroj. Maskita per homaj kostumoj, li parolis kaj paroladis senĉese, dum la aŭdantaro pacience kaj gape lin aŭskultis, spite de varmo kaj spite de ŝvito...

La saĝa Bekoka diris tiam al Karioka: —Se koboldoj kaj longnazuloj jam uzas Esperanton tiel sukcese, prave ĝin rajtas ankaŭ uzi lapapagoj, ĉu ne?

**D-ro CIRANO**

# EL CAMPAMENTO ESPERANTISTA

En el bosque denominado «Càn Solà del Recó», al pié de la montaña «San Llorenç del Munt» (1.200 mts. de altura), y junto a la «Font de la Tartana», se instaló la «Tendaro» del XII Congreso Español de Esperanto, que albergó a samideanos extranjeros y de diversas regiones de España, en medio de un fraternal ambiente.

La proximidad del lugar y el excelente servicio de autobuses, para el desplazamiento, permitieron la asistencia de los acampados a todos los actos del Congreso, en el que pusieron la nota típica y clásica de sus vistosos atuendos montañeros.

En la noche del día 28 se celebró un fuego de campamento, organizado por la Sección Excursionista de la Sociedad Coral «Juventud Tarrasense», al que fueron invitados especialmente nuestros acampados. Este hermoso acto se desarrolló dentro de la mayor cordialidad, y fueron muy celebradas las diversas y selectas actuaciones.

Para cada una de las tiendas instaladas fue regalado por dicha Sección Excursionista, un banderín esperantista, en los que estamparon sus firmas todos los acampados. El ondear de estos banderines sobre tierras distantes entre si, será un lazo de unión entre los hombres de buena voluntad, que vivieron juntos durante unas horas inolvidables, en plena naturaleza, bajo el símbolo esperanzador de la «Verda Stelo».

# FACETAS DEL MOVIMIENTO ESPERANTISTA

● INGLATERRA.—La Biblioteca Nacional para Ciegos (35, Great Smith Street —Westminster— London S. W. 1) contiene un departamento de obras en Esperanto, con textos en sistema Braille. «The British Assotiacion of the Hard of Hearing», organización de sordomudos, usa el Esperanto para las relaciones internacionales, con pleno éxito y prolongada eficacia, en sus contactos con organizaciones similares de otros muchos países.

● FRANCIA.—La ciudad de Angers ha editado un folleto en Esperanto, conteniendo quince interesantes vistas de la población y sus monumentos, que dedica a la difusión turística en el extranjero y que contribuirá muy eficazmente al fin propuesto.

● HOLANDA.—«De Ooievaar», órgano de los empleados del Ayuntamiento de La Haya, y «Officieel Weekblad», periódico de la policía de la misma ciudad, publican una serie de artículos sobre el idioma internacional y el movimiento esperantista mundial, que merecen la aceptación de sus lectores. Otros periódicos holandeses siguen el ejemplo.

En la serie de libros sobre electrotécnica, para enseñanza en las Escuelas Técnicas del país, el ingeniero señor J. R. Isbrucker ha añadido índices de los temas en inglés y Esperanto, considerando así a ambos idiomas como auxiliares en la enseñanza científica.

● ALEMANIA.—En Hannover se ha rotulado una calle con el nombre de «Esperanto-Strasse». El Director de Policía de la ciudad de Colonia ha autorizado la celebración de cursos en Esperanto, costeados con los fondos oficiales, para los componentes del Cuerpo, quienes, de conseguir éxito en los exámenes finales, ostentarán un brazalete indicador de conocer la lengua auxiliar internacional y serán destinados a servicios especiales.

En la ciudad de Bonn, en la Escuela de Santa María, ha sido introducido el Esperanto como asignatura obligada, a partir del quinto curso escolar; y la institución «Bildungswerk», para la enseñanza de adultos, también ha introducido el idioma auxiliar en el cuadro de enseñanza. La Federación de Juventudes, de Baden, ha aceptado oficialmente como miembro a la Organización Juvenil Esperantista, lo que promete una mejor comunicación del ideal esperantista entre toda la juventud progresiva y organizada de este Estado alemán.

● AUSTRIA.—El Doctor Theodor Korner, ex-alcalde de Viena y ferviente esperantista, ha sido elegido Presidente Federal de Austria, lo cual es un aliciente para el incremento del movimiento esperantista en aquel país. ¡Otra personalidad que viene del esperantismo!

● JAPON.—«The Science Reports of the Tohoku University», de Diciembre 1950, publicó en Esperanto el siguiente artículo del señor K. Oosima: «Pri ebleco de loka neegaleco de la taga variado de la tera magnetismo». El «Boletín de la Sociedad Química» y «Publicaciones de la Sociedad de Astronomía» publican artículos en inglés con resúmenes en Esperanto.

● AUSTRALIA.—«Life and Vision», revista cultural de Melbourne (17 Elizabet street), ha empezado a publicar un curso en Esperanto, para la difusión entre sus lectores.

● ESTADOS UNIDOS.—Por la emisora WCBS, de Nueva York, la señorita Mary Marret habló el 4 de Mayo último sobre la colección de libros esperantistas, existentes en la Biblioteca Pública; esta colección es tan extensa como la de cualquier otro idioma.

En la emisión francesa de «La Voz de América» del 12 de Junio, tuvo lugar una interviu al Doctor Solzbacher sobre el Esperanto como solución al problema de un idioma auxiliar.

● BRASIL.—La Dirección de Enseñanza del Estado Rio Grande do Norte ha aceptado la introducción del Esperanto, como materia facultativa, en todas las escuelas públicas.

En el Instituto Municipal de Comercio de Santos (Sao Paulo), se ha establecido un curso facultativo de Esperanto, conforme al acuerdo del Ayuntamiento de aquella ciudad, que subvenciona los cursos, siguiendo el ejemplo de otras muchas ciudades brasileñas.

«Diario de Pernambuco» lleva más de tres años publicando en su edición dominical la sección «Esperanto, língua bem viva», que goza de gran popularidad entre los lectores.

---

**Lo que da derecho al Esperanto, para llamarse idioma internacional, es su absoluta neutralidad, por no ser propio de ninguna nación**

---

# LA 36ª UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO, EN MUNKENO, BRILE ATESTIS, UNU FOJON PLI, LA EKZISTON DE LA ESPERANTISTA POPOLO

Densa amaso da 2.000 gesamideanoj, el 40 landoj, rendevuis en la bela bavara ĉefurbo, de la 4ª ĝis la 11ª de Aŭgusto. Akurate kaj glate, ĉiuj aranĝoj okazis laŭ adekvata organizo de lertaj kompetentuloj. La Solena Malfermo, en la giganta salonego de «Deutsches Museum» estis impona festo, kiu atingis kulminon en la brila parolado de D-ro Edmond Privat, kiu entuziasmigis ĉiujn per siaj finaj vortoj: «Verda lumo, en la moderna trafiko, diras: pasu! Same por ni: Vojo libera per verda lumo. Vivu la verda lumo! Vivu la vero!» Post la Malfermo sekvis la ceteraj punktoj de la programo, en kiu la Somera Universitato estis grava ero; ĝia inaŭguro okazis en la «Auditorium Maximum» sub protekto de la munkena rektoro. Profesoroj el ses landoj kaj kvin diversaj lingvoj faris interesajn prelegojn en unu sola: Esperanto! La laboroj de la kongreso estis plenumataj en kvar sekcioj; krom tio, pompis la ornamoj de Beiarta Konkurso, Arta Vespero, Ekskurso al Lago de Starnberg kaj Kongresa Balo. Ĉe la fino, oni aprobis la Deklaracion kiu tekstas jene:

«La reprezentantoj de la Esperanto-Movado el 40 landoj, kunvenintaj en la 36ª Universala Kongreso de Esperanto en Munkeno, Aŭgusto 1951, ekceptas la jenan

DEKLARACION:

La celo de la Esperanto-Movado estas plena apliko de la Internacia Lingvo Esperanto en ĉiuj sferoj de la internacia vivo kaj por ĉiuj internaciaj rilatoj.

El tia vasta uzado de la Internacia Lingvo logike rezultas:

1.—altiro de pli larĝaj popoltavoloj al aktiva partopreno en la internacia vivo;
2.—progresigo de la scienco kaj plimultigo de la intelektaj interŝanĝoj en internacia kadro;
3.—plifirmigo de tutmonda solidareco kaj rapidigo de la unueciĝo de la homaro.»

La urbestraro de Munkeno donis la nomon «Esperanto-Platz» al kuniĝo de pluraj belaj stratoj en la urbocentro men. La inaŭguro estis bonege aranĝita, kun ĉeesto de multenombra publiko. Venontan jaron, la Universala Kongreso okazos en Oslo, la norvega ĉefurbo.

## LA 23ª INTERNACIA KONGRESO DE KATOLIKAJ ESPERANTISTOJ

Ĝi okazis en Munkeno, samtempe kun la Universala; en la malferma kunsido ĉeestis 200 gekongresanoj. Telegramoj kaj leteroj alvenis de 12 episkopoj; inter ili kardinaloj Frings (Köln) kaj Innitzer (Wien). La celo de la Kongreso estis: interŝanĝo de pensoj kaj ideoj inter la diverslingvaj katolikoj por studi kiamaniere solvi, per Esperanto, la nuntempajn katolikajn problemojn, en rilato kun la ĝenerala bono.

## ● EN STOKHOLMO ANKAŬ OKAZIS LA 24ª KONGRESO DE S. A. T. ●

Aliĝis 680 membroj el 15 landoj, sed fakte partoprenis 584 el 12 landoj. La Civitana Domo estis la kolosa kongresejo, kie funkciis ĉiuj servoj. Ĉiujn kunsidojn, ekskursojn kaj ceterajn aranĝojn oni komencis laŭ la programe fiksita horo. Dum la Malfermo salutparolis sindikataj reprezentantoj kaj aliaj de laboristaj organizoj. Fakaj kaj frakciaj kunvenoj ĝuis grandan partoprenon. Inter la kulturaj aranĝoj, meritas mencion la belega Filmvespero. La venontjara Kongreso okazos en Düsseldorf, la konata kaj interesa germana urbo.

## HELPU PER GRATULOJ!

Ne ĉiam ni povas gratuli: ofte ni devas plendi, ke Radiostacio, ĵurnalo aŭ famulo fuŝe aŭ moke ion diris pri Esperanto; tial, okaze de la brila Kongreso en Tarrasa, tri faktoj estas vere rimarkindaj:

1.—Tre favora serioza elsendo por Esperanto en «Radio Barcelona» (str. Caspe, 12) la lastan sabaton de Julio, je la dua horo tagmeze.
2.—Tre favora artikolo-raporto, sen subskribo, en la plej grava ĉiusemajna gazeto pri literaturo, en Barcelono, DESTINO (str. Pelayo, 28).
3.—Serioza kaj trafa artikolo en «Diario de Barcelona» (str. Muntaner, 49) subskribita de P. Font Puig, plej altranga meritoplena profesoro pri Filozofio en la Barcelona Universitato.

La artikoloj aperis en la unua semajno de Aŭgusto, kaj plej multaj gratulleteroj aŭ poŝkartoj, al la diritaj tri adresoj, surprize efikus por ke tiuj entreprenoj akceptu favore novajn kontribuojn por Esperanto. Ni devas profiti la bonan ŝancon, kiu nun, post la Kongreso, ekzistas por nia afero.

DELFI DALMAU (Barcelono)

## ESPERANTISTA VIVO

### GEEDZIĜO

Nia kara amiko, Francisko Mañez, konata pioniro el Cheste, la esperantista urbeto, ĵus edziĝis kun la simpatia fraŭlino Vito Bueno, ankaŭ esperantistino kaj fervora samideanino el Zaragozo. La soleno okazis en intima medio, sed ambaŭ geamikoj ricevis multe da gratuloj kaj deziresprimoj por daŭra feliĉo, kiu certe fariĝos emblemo de la nova esperantista hejmo, kiun niaj du bonaj gesamideanoj ĵus fondis.

### NASKIĜO

Ĉarma filineto ornamas nun la hejmon de nia estimata amiko Francisko Marco, el Valencio. Tute sincere ni gratulas lin kaj lian edzinon, pro la bela unua donaco de la cikonio, kiu promesis baldaŭan revenon!

### EKSPOZICIO

Nia ŝatata samideano J. Vigo Mestres, el Almatret, prezentas nun kun granda sukceso, en la Domo de Kulturo de Seo de Urgel, interesan kolekton de akvareloj kun pejzaĝoj de la pitoreska pirinea regiono, kiun nia samideano diskonigas per la altkvalita arto de siaj penikoj kaj la ŝprucanta entuziasmo de sia vigla esperantisteco.

## PARA NUESTRO BOLETIN

**(Donativos correspondientes a AGOSTO-SEPBRE. 1951)**

| | | |
|---|---|---|
| Suma anterior | 1.128 | Ptas. |
| Suscripción en el Congreso | 625 | » |
| Autocar viaje Valencia-Tarrasa | 194 | » |
| Darío Rodríguez (Madrid) | 25 | » |
| Restituto Albero (Burjasot) | 5 | » |
| Pedro Parra (San Jaime) | 10 | » |
| Emilio Prades (Valencia) | 25 | » |
| Antonio Sánchez (Callosa de Segura) | 10 | » |
| José Pinell (Sabadell) | 14 | » |
| Manuel Ortigosa (Zaragoza) | 4 | » |
| X. X. | 100 | » |
| José Rufes (Valencia) | 10 | » |
| P. José Casanovas (Gerona) | 10 | » |
| Cecilio Olalla (Bilbao) | 10 | » |
| Manuel Ruiz (Castellón) | 20 | » |
| Lolita Quiles (Valencia) | 25 | » |
| Francisco García (Hospitalet) | 9 | » |
| Francisco Escué (Tabernes Valldigna) | 50 | » |
| Miguel Tarragó (Almatret) | 10 | » |
| Mateo Fusalba (Tarrasa) | 10 | » |
| Eduardo Larrouy (Bilbao) | 10 | » |
| Ramón Molera (Moyá) | 100 | » |
| Marco Aurelio Perles (Miraflor) | 10 | » |
| Esperanto-Grupo Sabadell | 33 | » |
| Juan Régulo (La Laguna) | 15 | » |
| J. Solá y R. Molera (Moyá) | 50 | » |
| Ernesto Hurtado (Valencia) | 5 | » |
| Isauro Alvarez (Madrid) | 25 | » |
| Total | 2.542 | » |

**Que esta lista de gala sirva de ejemplo y estímulo**

**ELDONKVANTO DE ĈI TIU NUMERO: 850 ekzempleroj**

## ANONCETOJ

**Ni akceptas anoncetojn kiuj rilatos al nia afero. Unu peseto au unu r-k. validas por du vortoj. Tri majusklaj literoj valoras kiel unu vorto. Aparta tarifo por specialaj anoncoj.**

S-ro RAFFAELLO MAZZANTINI, Via N. Sauro, 1-Sabona (Italio) dez. koresp. kun hispanaj fraŭlinoj.

Hungara Esperantisto, 44-jara fraŭlo, serĉas korespondadon kun afabla samideanino kun kiu, post reciproka simpatio, estu ebla esperantista geedziĝo. Adreso: Georg. H. Rua Cons, Can. de Oliveira, 124 Vila Anastacio Sao Paulo (Brazilo)

S-ro HENK VALCKENIER, Thorsgade, 22 Kopenhago N (Danlando) dez. koresp. kun hispan(in)o pri diversaj temoj.

## ATENTU!

RADIO ANDORRA dissendas ĉiutage propagandon, pri tiu ĉarma landeto, en angla, franca kaj hispana lingvoj. Tutmondaj samideanoj estas petataj skribi multenombre al S-ro Direktoro por ke tiuj dissendoj okazu ankaŭ en Esperanto.

La obstinaj klopodoj de nia tiea samideano S-ro Travesset atingis sukceson en la fondiĝo de Esperanto-Fako ĉe la Turisma Sindikato. Skribu amase petante turismajn informojn en Esperanto al jena adreso:

SINDICAT D'INICIATIVA DE LES VALLS D'ANDORRA
ANDORRA LA VELLA (ANDORRA)

## ESPERANTA EKSPOZICIO EN MADRIDO

Ĝi okazos meze de Oktobro, en salono de la grava societo «Casa de Aragón» (strato Carretas, 6-2.°) dank' al la agemo de niaj amikoj el la «Madrida H. E. F. Sekcio», kiuj plezure akceptos materialon por tiu sia unua publika elmontro de ĉiuspecaj esperantaĵoj en la hispana ŝtata ĉefurbo.

## RADIO ROMA

UFFICIO RADIODIFFUSIONI PER L' ESTERO

**Desde el pasado Agosto, la Esperanto-Fako de RADIO ROMA ha iniciado una sección «Programa para los chicos: cuentos de todos los países del mundo». Pueden ser enviados, cuentos, historias, leyendas y costumbres típicamente populares. Pueden ser escritos en Español, en Italiano y en Esperanto. Todos pueden colaborar con artículos instructivos y de interés para todos los países del mundo. Entre los trabajos recibidos y ya transmitidos recordamos «Los molinos de viento de Holanda - La taquigrafía - Visita a una mina de carbón - Arte y religión».**

**Los trabajos deben estar escritos a máquina, con estilo apto para la transmisión radiofónica evitando las palabras compuestas o demasiado largas y poco conocidas a los radioescuchas. Los temas deberán ser enviados en papel fino, en doble copia (4 hojas) y que puedan ser leídos en 18 minutos como máximo.**

*ESCRIBID A:*

**Esperanto-Fako - RADIO ROMA**

**Via Vittorio Veneto 56 ROMA (Italia)**

Cantos Hnos., Impr.-Valencia - Tel. 30444